**tangent-o*** (tanĝant-o STT) Tangente, Berührungslinie
**tanin-o*** Tannin, Gerbsäure; **--izi mit ... tränken**
**tantiem-o** Tantieme, Gewinnanteil
**taoism-o** (rel.) Taoismus, chines. rel. Weltanschauung
**tapet-o*** Tapete; **--papero** ...npapier
**tapiok-o*** Tapioka, Sago aus Maniokwurzel
**tapisaj-o** Tapisserie, Wandteppich, große Kanevasstickerei
**tarantel-o*** Taranetella(tanz)
**tarentul-o*** Tarantel (ins. Tarantula)
**tard-a** (poet.) spät, nicht rechtzeitig, a. **(tro) malfrue**
**taren-o** Zeisig (bird. Spinus), **dz. kardelo k. fringelo**
**tarok-o*** Tarock(spiel)
**tars-o** (anat.) Fußwurzel(knochen), Tarsus; **--oj Fußglieder** (d. Insekten)
**tatam-o** (japan.) Schlafmatratze, -matte
**taŭg-i*** taugen, zu etw brauchbar sein; --otestado Eignungsprüfung
**tapir-o** Tapir (zoo. Tapirus)
**taŭtologi-o** Tautologie, Doppelbezeichnung
**team-o** (sp.) Team = **taĉmento, ludantaro** (Spieler-) Mannschaft
**ted-i** (jmd) belästigen, langweilen
**tedeum-o** (rel. muz.) Tedeum, „Dich Gott loben wir"
**tegment-o*** Dach; **sub--o** Bodenraum, -stube; **--i** decken
**tegument-o** (biol.) Körperbedeckung, Haut, Fell, Federkleid ktp.
**teism-o* Theismus, Glaube an Gott; teisto Theist,** Gottgläubiger
**tek-o** 1. Aktentasche, 2. (bot.) Theca, Sporenkapsel, 3. (zoo.) Schutzkapsel (d. Hydrozoen), **-teko** (suffixart. in Fremdwörtern) = -sammlung: **biblio--o, karto--o, filmo--o, disko--o**
**teknik-o*** Technik; **--ologio** Technologie; **--okratio** Technokratie
**teks-i*** weben; **--bazo** Webgrund (aus Parallelfäden), **varpoj,** u. Einschlag **... vertoj; maŝ--i** wirken; **--ŝtopi** kunststopfen
**tekst-o* Text,** Wortlaut; **--faristo** Texter, Schlagerdichter
**tekton*o** Teakbaum, a. **tikarbo** (Tectona)
**tele-** (prefixart.) = fern, Fern-: **--bildigilo** Bildüberträger; **telefono** Fernsprecher; **bildiga --grafio** Bildtelegraphie; **--hejtado** ...heizung; **--konduki** ...lenken; **--regado** ...steuerung; **--tajpado** ...schreiben; **--presilo** ...schreiber; **--patio** Gedankenübertragung; **--skopo** ...glas, ...rohr; **--vidi** ...sehen
**teleologie-o** Teleologie, Zweckmäßigkeitslehre
**telfer-o** Seilschwebebahn
**telur-o** (kem. elem.) Tellur

**tem-o*** Thema, Aufgabe, zu behandelnder Gegenstand, Leitgedanke; (muz.) aus Motiven aufgebauter Hauptgedanke; **--as pri** es handelt sich um
**temp-o*** Zeit 1. unbegrenzte ..., 2. bestimmte ...spanne, 3. geeignete ... für etw., 4. (gr.) ... (d. Verben); **--olimigilo** (el.) ...begrenzer; **sam--a** gleichzeitig; **sia--e** seinerzeit
**temper-o** Tempera(malerei)
**temporal-o** (anat.) Schläfenbein
**tenar-o** (anat.) Handballen
**tend-o** Zelt; **tendenc-o*** Tendenz, (pol.-mor.) Richtung
**tensor-o** 1. (anat.) Spannmuskel, 2. (mat.) Tensor
**teogolit-o** Theodolit, Winkelmeßgerät
**teokrat-o** Theokrat, Anhänger der Theokratie; **--io** Th...ie
**teorem-o*** Theorem, Lehrsatz (bes. geom. u. mat.)
**teori-o*** Theorie, Lehrmeinung; Ggs. **praktiko; --umi** theoretisieren
**teozof-o** Theosoph; **--io, --ismo --ie,** mystische Gotteslehre
**tepid-a** lauwarm = **varmeta**
**ter-o*** Erde 1. als Himmelskörper, 2. Festland, **Ggs. Maro,** 3. krümelige Masse, Ggs. Stein, Fels; **--krusto** ...rinde; **--lango** Landzunge; **--peĉo** Erdpech, Asphalt, **a. asfalto**
**terakot-o** Terrakotta (Material u. Bildwerk daraus)
**terapeŭt-o** Therapeut, praktisch tätiger Arzt; **--iko** ...ik
**teras-o*** Terrasse, Plattform e. stufenförmige Anlage
**terci-o** Terz 1. (muz.) dritter Ton, 2. (sp.) Fechthieb v. links unten (3. lit. Terzine) = tercino
**terciar-o** (geol.) Tertiär, Braunkohlenzeit
**terebint-o*** Terpentin; **--arbo** ...enbaum (Pistacia)
**teritori-o*** Territorium (Landes-, Stadt- o. Staatsgebiet)
**termik-o** (avi.) aufsteigender Luftstrom
**termit-o** Termite, Weiße Ameise (Arten von Thermes)
**al term-o** Wärme; **--odinamik-o** Thermodinamik; **--oelektra pilo** Thermoelement; **--okolono** Thermosäule (zur Stromerzeugung durch Wärme); **--ologio** Wärmelehre; **--osfero** (astr.) Thermosphäre (in ca. 60 km Höhe); **--oterapio** Wärmebehandlung)
**teror-o** Terror, Schreckensherrschaft
**test-o** Test, Erprobung, Prüfung
**tetr-o*** Birkhuhn (Tetrao tetrix)
**tetra-** (prefikse en fremdvortoj) = vier: **--edro** (geom.) Vierflächner, **--podo** (zoo.) ...füßler, a. **kvarpiedulo**
**tetra-o*** Wald- o. Haselhuhn (Tetrao bonasis)
**tetrak-o** Zwergtrappe (Otis tetrax)
**teŭton-oj** Teutonen, e. altgerman. Stamm
**tiar-o*** Tiara, Kopfbedeckung der Perserkönige u. d. Papstes
**tifa-o** Rohrkolben (bot. Typha), a. **„kanspadiko“**
**tifon-o*** (met.) Tajfun, a. **tajfuno**

**tikl-i*** kitzeln; **--ebla** kitzlig; **--a demando** unangenehme Frage
**tild-o** Tilde, Wellenstrich, Wortwiederholungszeichen, a. **ond-linio**
**tim-i*** sich fürchten, **--i ke** befürchten, daß; **--emulo** Angsthase; **--tremiga** gruselig; **publiko--o** (tea.) Lampenfieber
**timal-o** Äsche (fiŝ. Thymalus)
**timpanon-o** (muz.) Handtrommel, Hackbrett
**tindr-o*** Zunder; **--ofungo** ...pilz, Feuerschwamm (Polyphorus formentarius)
**tip-o*** 1. Vorbild, Urbild, Vertreter einer Gattung, 2. (tek.) Muster, Modell, Drucktype
**tiran-o*** 1. (hist.) altgriech. Gewaltherrscher, 2. (jeder) G...r, 3. (f.) herrschsüchtiger, grausamer Mensch
**tiraljor-o** (mil.) Tirailler, Plänkler, Einzelschütze
**tirs-o** 1. Thyrsosstab (d. Bachanten), 2. (bot.) Strauß (Blütenstand), 3. (ark.) Giebelfeld (für Skulpturen)
**titan-o*** Titan 1. (mit.) Abkömmling der Götter, 2. (f.) (geistiger) Riese, Großer; **--a** titanisch, riesenhaft
**titi-o** Seidenaffe, Uistiti (zoo. Hapale), a. **„silksimio"**
**titol-o*** Titel 1. (Amts-)Titel, 2. eines Buches o. einer Abhandlung; **--i** mit d. Titel anreden; etw mit e. ... versehen
**titr-o** Feingehalt d. Metalle
**tizan-o** (farm.) Absud, Abkochung, Ptizane
**tmez-o** (gr.) Tmesis, Teilung e. zusammengesetzten Wortes in seine Einzelteile
**tof-o** Tuff (min.) Absetzung von kohlensaurem Kalk o. verhärtete vulkan. Asche
**tokat-o** (muz.) Tokkata
**toks-o** Toxin, organischer Giftstoff; **--ologio** Toxologie
**toler-i*** erdulden, ertragen, sich gefallen lassen; **--emo** Toleranz
**tomb-o*** Grab; **--ejisto** Totengräber
**tombak-o*** Tombak. Legierung aus Kupfer u. Zink
al **tond-i** scheren, mit d. Schere schneiden: **tondilo** Schere, dz. **ĝarden--o, heĝ---o, lad(o)--o, tru--o** Garten-, Hecken-, Blech-, Lochschere, (tek.) **man-, cirkla, gilotin-, tablo-, levumil--o** Hand-, Bogen-, Guillotin-, Tafel-, Hebel-...
**tondr-o*** Donner; **fulmo--o** Gewitter
**tonel-o*** (mar.) (Register-) Tonne, **tuta a. kruda --o** Brutto-, **neta --(aj)o** Netto- Register...
**tonik-o** (muz.) Tonika, Grundton
**tonsil-o** (anat.) Rachenmandel; **--ito** ...entzündung; **--otomio** (med.) Mandelschnitt
**tonsur-o*** Tonsur, Scheitelschnitt
**top-o** Topp, 1. Mastspitze; **--velo** Toppsegel, 2. Mastkorb, a. gvatnesto

(Fortsetzung von Seite 10) 

**stechen / in die Augen ...** frapi la okulojn; **in See ...** ek(ŝip)veturi;
**stecken / in Brand ...** ekbruligi; **dahinter steckt etw** en tio kaŝiĝas io; **jeder hat sein ...pferd** ĉiu havas sian amatan ĉevaleton;
**Steg / aus dem ...reif** improvize;
**stehen / sich gut ... mit j—m** esti amika kun iu; harmonii kun iu; **in Arbeit ...** esti laboranta; **alle ... für einen** ĉiuj agas solidare; **teuer zu ... kommen** multon kosti; **gut ... für** garantii por; **er steht sich gut** li tre bonstatas; **das steht bei dir** tio dependas de vi; **das Prädikat steht hinter dem Subjekt** sekvas la subjekton; **es steht dir frei, zu** vi havas liberecon; **es steht fest, daß** estas certe, ke; **was steht in dem Brief?** kio enhavas (diras)?; **das Korn steht gut** promesas bonan rikolton; **darauf steht der Tod** tio estas punota je morto; **die Bedingungsform steht, wenn** oni metas la kondicionalon, se; **das steht dir gut** tio bone aspektigas vin; **er steht mir im Licht** li kovras al mi la lumon; **wie steht es mit ihm?** kiel li fartas?; **stehenden Fußes** sen antaŭe sidi; senprokraste; tuj;
**stehlen / du kannst mir gestohlen bleiben** mi neniel bezonas vin;
**steif / ... und fest** persistego;
**steigen / die Haare ... zu Berge** ekstariĝas;
**Stein / es bleibt kein ... auf dem anderen** detruita ĝis la fundo de l'fundamento; eĉ signo ne restis, kie urbo estis; **j—m einen ... in den Weg legen** ĵeti al iu bastonon en la radon; meti al iu trabojn sur la vojon; **... des Anstoßes** ŝtono de falpuŝiĝo; **einen ... im Brett haben bei j—m** esti en favoreco ĉe iu; havi krediton kaj meriton ĉe iu; **zum ... erweichen** ke ŝtono ekkompatus; Dio kompatu!; **... der Weisen** la filosof(i)a ŝtono;
**Stelle / an einer wunden ... rühren** piki en vundan lokon; **auf der ...** tuj; **an j—s ... treten** anstataŭi iun; **seine ... abtreten an** cedi sian lokon al; **ich ... es in dein Belieben** mi lasas tion al via dispono; **an erster ... liegen** stari kaploke; **an seiner ...** en lia situacio (loko); anstataŭi lin; **auf der ... treten** (milit)marŝi surloke; ne progresi; stagni; **an deiner ... würde ich** en via situacio mi estus;
**stellen / j—m etw vor Augen ...** admon(instru)i iun pro io; **in Rechnung ...** enskribi en la debeton; **zur Schau ...** elmontri por rigardado; **das Essen warm ...** konservi manĝaĵon varma; **seinen Mann ...** esti kuraĝulo; nenion timi; fari bonan laboron; **einen Termin ...** fiksi tempolimon; **Abänderungsantrag ...** amendi; **in Frage ...** esprimi dubon; fariĝi malcerta; **j—n zur Rede ...** postuli kontentigon (klarigon); **sich auf die Zehen ...** sin levi per la piedfingroj; **sich zu etw ...** preni sintenon (pozicion) al; **sich auf sich selbst ...** dependi nur de si mem; **die Gruppe stellt 50 %** tiu grupo estas (prezentas) 50 %;
**Stellung / eine abwartende ... einnehmen** sin reteni oberservante;
**Steuer / der Vater sitzt am ...** la Providenco direktas (stiras); **von der ... absetzen** subtrahi de la impostsumo;
**Stich / im ... lassen** (for)lasi iun en embaraso; **... halten** sin teni brava (fidinda, taŭga);
**Stier / den ... bei den Hörnern packen** ataki ĉe la plej forta punkto;
**still / in aller ...e** tute senbrue; **im ...en** sekrete; kaŝe; **... Ozean** Pacifik (Ocean)o; **zum ...stand kommen** ekĉesi; ĉesigi;
**Stimme / gut bei ...** kun bondisponita voĉo; **seine ... abgeben** voĉdoni (por, kontraŭ);
**Stirn / die ... zu etw haben** havi la arogecon (impertinentecon) por; **der Gefahr die ... bieten** turni la frunton al danĝero;
**Stock / in den ... legen** ŝlosi inter la ŝtipojn; **über ... und Stein** transsalte-senhalte; **dumm wie ein ...** malsaĝa kiel ŝtipo;
**Storch / stelzen wie ein ... im Salat** salti grazie; kiel urso ebria;
**stoßen / j—n vor den Kopf ...** bruski iun; **sich ... an** senti sin ŝokata de;
**strafen / j—n Lügen ...** pruvi iun mensoginto;
**Strang / über den ... schlagen** transpasi la limojn; ekscesi; **den ... verdienen** meriti pendigon; **an einem ... ziehen** agi kune (solidare, samsence); **... haben vor** time respekti iun; **wenn alle Stränge reißen** ekstrem(o)kaze;
**Strecke / auf der ... bleiben** ne atingi la celon;
**strecken / sich nach der Decke ...** adaptiĝi;
**Streich / j—m einen ... spielen** fari petolaĵon kontraŭ iu; **von einem ... fällt keine Eiche** unu hako kverkon ne faligas;
**Streiflicht / ...er werfen auf** prilumi; lumigi kelkajn punktojn;
**Streik / in den ... treten** ekstriki;
**Streit / ... um des Kaisers Bart** malpaco pri la reĝa palaco;
**streng / ... genommen** rigore prenita; **im ...sten Vertrauen** absolute konfidence;
**Strich / j—n auf den ... haben** havi malsimpation kontraŭ iu; **einen ... durch die Rechnung machen** kruci projekton; **das geht mir gegen den ...** tio min karesas kontraŭ la haroj(n);
**Stroh / leeres ... dreschen** draŝi fojnon; lavi la tutan ĵaron; **er hat ... im Kopf** li havas en la cerbo tro multe da herbo; **das ist bei ihm nur ...feuer** tro akra fajro estas sen daŭro; kiu tro rapide saltas, tiu baldaŭ haltas;

**Stück** / **das gute ...** valorajo; **mein bestes ...** mia plejvalorajo (plejvalorulo); **es ist ein gutes ... bis N.** estas nemalgranda distanco ĝis N.; **ein ... zurückbleiben** iom postresti (postiri); **... für ...** por po unu; peco post peco; **ein schönes ... Geld** konsiderinda sumo; **große ...e halten auf** multe ŝati . . . n; **aus freien ...en** spontanee; propramove;
**Stuhl** / **zwischen zwei Stühlen sitzen** esti perdinta (maltrafa) ambaŭ eblojn;
**Stumpf** / **mit ... und Stiel vernichten** kie urbo estis, eĉ ŝtono ne restis; eĉ signo ne restis, kie urbo estis; detruita ĝis la fundo de l'fundamento; **mit ... und Stiel** radikale; ĝis la fundo de l'fundamento;
**Stunde** / **zur ...** nun; momente; **von ... an** de nun; de tiam; **in einer schwachen ...** en horo malsaĝa; kiam la cerbo iris promeni; **...n geben** doni lecionojn pri;
**Sturm** / **... im Wasserglas** granda frakaso en malgranda glaso; brue potenca, nula esenco;
**suchen** / **was hast du hier zu ...?** kion vi perdis ĉi tie?; **auf der Suche nach** serĉante . . .;
**Sündenbock** / **er ist immer der ...** li ĉiam estas la propeka kapro;

# T

**Tafel** / **die ... aufheben** fini la manĝon;
**Tag** / **man soll den ... nicht vor dem Abend loben** ne diru hop antaŭ la salto; **dem lieben Herrgott den ... stehlen** peli tagojn sen afero de mateno al vespero; okupi sen celo lokon sub ĉielo; de lia vivo aranĝo estas trinko kaj manĝo; **... und Nachtgleiche** ekvinokso; **von einem ... auf den andern verschieben** de unu tago ne la alian; **von einem ... auf den andern (so plötzlich)** kun unutaga intertempo; **in den ... hineinleben** senzorge vivi; vivi de estontaj enspezoj; konsumi sian grenon antaŭ ĝia maturiĝo; **an den ... bringen** levi al la lumo malkovri; **am hellichten ...** en luma tago; **der jüngste ...** (tago de la) lasta juĝo; **... für ...** ĉiutage; **etw zu...e fördern** doni rezulton; **zu ...e kommen** aperi; malkaŝiĝi; manifestiĝi; **unter ...e** subtera; **dieser ...e** en la nunaj tagoj; **es ist noch nicht aller ...e Abend** ricevos vulpo por sia kulpo; venos ŝtelisto al la juĝisto; **eines schönen ...es** iutage; **heutigen ...es** nun; en nia tempo; **ans ...eslicht kommen** malkaŝiĝi; **das ist an der ...esordnung** tio estas oftajo; tio estas ne (plu) miriga afero; **von der ...esordnung absetzen (a. fig.)** demeti de la tagordo; **die Sitzung wird ver...t** interrompi la kunsidon;
**Taler** / **wer den Pfennig nicht ehrt, ist den ... nicht wert** kiu groŝon ne respektas, riĉajon ne kolektas;
**Tamtam** / **... machen** brue reklami;
**tanzen** / **aus der Reihe ...** agi malkonforme;
**Tasche** / **tief in die ... greifen** pagi grandan sumen; **in die ... stecken** enpoŝigi; **sich etw in die ... machen** sekrete profiti el; **ich habe ihn in der ...** li dependas de miaj manoj;
**Tat** / **auf frischer ...** ĉe la freŝa faro; kun la peko en la mano; **in der ...** vere; efektive; **weniger Worte, mehr ...en!** malpli da vortoj, pli da agoj;
**Tatterich** / **den ... haben** mantremadi;
**taub** / **...en Ohren predigen** prediki en dezerto;
**Taube** / **es fliegt keine gebratene ... in den Mund** ne flugas rostita kolombeto en ies buŝeto; neniam gutas mielo el la ĉielo;
**tauschen** / **ich möchte nicht mit ihm ...** mi ne volus esti en lia situacio;
**tausend** / **ei der ...!** jen mi miras!; **in ... Ängsten (Nöten) sein** esti en mil embarasoj;
**Tee** / **abwarten und ... trinken** ne diru „hop" antaŭ la salto;
**Teil** / **ich für meinen ...** miaparte; **... haben an** esti partopren(int)anto;
**teuer** / **da ist guter Rat ...** nun oni pagus multon por bona konsilo; **das wird dir ... zu stehen kommen** vi devos multe pagi por tio; **wie ... ist** kiom kostas; **ein teurer Spaß** multekosta plezureto;
**Teufel** / **da ist der ... los** tie regas la diablo; **geh zum ...!** iru al la diablo; **Tod und ...** mil diabloj; **hol dich der ...!** la diablo vin prenu!; **... nochmal!** diablo!; diable!; **Pfui ...!** fi!; **j—n zum .. wünschen** fordeziri iun al la diablo; **den ... auch!** diable!; **den ... nicht an die Wand malen** ne pentru diablon sur la muro; ne elvoku lupon el la arbaro; **den ... durch Beelzebub austreiben** elbati kojnon per kojno; kuraci unu vundon per alia; **das ist doch des ...s!** en tio sidas la diablo; **in ...s Küche kommen** veni en diablan situacion (dilemon);
**Text** / **aus dem ... kommen** perdi la fadenon; **weiter im ...!** daŭrigu!; **j—n den ... lesen** fari predikon al iu;
**Thron** / **den ... besteigen** ekokupi la tronon; reĝiĝi; cariĝi; **vom ... stoßen** detronigi;
**tief** / **... im Walde** profunde en la arbaro; **... gekränkt** forte ĉagrenite; multe afliktita;
**Tinte** / **in der ... sitzen** esti en embaraso;

# INTERNACIA LINGVO KAJ FILATELO

**Novaj stampoj 70/71**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Gyula | 1970 | julio | 8-a SEU |
| Abaliget | 1970 | julio | 3-a renk. de E-naturamikoj |
| Miedzygorze | 1970 | septembro | 6-a E-ferio |
| Bystrzyca Kl. | 1970 | septembro | E-renkontiĝo |
| Gdansk | 1970 | oktobro | 25 jaroj E-movado en PRP |
| Bialystok | 1970 | oktobro | Korespondado |
| Olsztyn | 1970 | oktobro | Korespondado |
| Darmstadt | 1970 | oktobro | 14-a GEFA-kunveno |
| Palermo | 1970 | septembro | 41-a nacia E-kgr |
| Warszawa | 1970 | decembro | Tago de la E-libro |
| Poznan | 1971 | marto | Int. Tago de Virinoj |
| Lyon | 1971 | feb-aprilo | 63-a nacia E-kgr (4 tipoj) ms |
| Lyon | 1971 | aprilo | 63-a nacia E-kgr ronda ds |
| Nürnberg | 1971 | aprilo | 49-a kgr, Dürer-Jaro |
| Maribor | 1971 | majo | 23-a IFEF-kgr |
| Stockholm | 1971 | majo | Sveda E-kgr |
| Mohacs | 1971 | junio | Hungara-jugoslava E-renk. |
| Miegzydroje | 1971 | junio | 1-a Landa E-Feriado |
| Gyula | 1971 | junlio | 9-a SEU |
| Abaliget | 1971 | | 4-a renk de E-naturamikoj |

**Afrankstampoj:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rio de Janeiro | 1934 | septembro | 7-a int. foiro |
| Limburg | 1955 – 1965 | | Esperando-Sprache der Welt |
| Mainz | 1958 | apr-aug. | 43-a UK |
| Dollbergen | 1968 | nov. – | H. Sonnabend |
| Ravenna | 1969 – | | IABO |
| Löhne | 1971 – | | E-programita, Behrmann |
| Nürnberg | 1971 – | | En malfacilo helpas pilo |

**Grava informo por niaj E-filatelistoj:**

Estas preta bildparto de plena ilustrita stamp-katalogo, kiu montras ĉiujn 398 poŝtajn E-stampojn, aperintajn ĝis fino de 1970. 15 bildpaĝoj. La stampoj estas ordigitaj laŭ landoj kaj numerigitaj. Valora helpilo por ĉiu E-filatelisto. Bonege uzebla por E-ekspozicioj. Klaraj fotoj. Subvencia prezo: 40.– m.
Turnu vin al R. Burmeister, 9033 Karl-Marx-Stadt, W.-Wolff-Straße 1.

**AREK?**

Sub tiuj kvar literoj oni komprenas: Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj. Al tiu internacia rondo apartenas 40 E-filatelistoj el multaj landoj. Fondita ĝi estas dum oktobro 1968 post la fama pm-ekspo „PRAGA 68“. Informilo FENIKSO, en tre modesta formo, donas abundajn informojn pri E-filatelo.

**Reko-etikedoj**

Nur en la jaro 1970 en ĈSSR oni trovis „reko-etikedon“ (poŝta glumarko por rekomenditaj sendaĵoj), kiu surhavis la e-lingvan tekston: PRAHA, XIII UNIV KONGRESO DE ESPERANTO (1921).
Por filatelisto valora dokumento. Tiu reko-etikedo estas la tria, kiu ĝis nun estas konata. La aliaj du estis uzataj dum la 39-a UK en Haarlem 1954 kaj dum GEFA-kgr 1970 en Darmstadt.

## OFICIALA KOMUNIKO DE LA AKADEMIO

*La Akademio, post zorga esploro de la demando, oficialigis jenan regulon pri la uzo de la refleksiva pronomo-adjektivo. Ĝi esperas per tio pozitive kontribui al pli granda unueco de la uzado.*

### Regulo

I. LA REFLEKSIVAJ PRONOMOJ (SERIO SI/SIA) RILATAS NUR LA 3-an PERSONON KAJ RESENDAS AL LA PLEJ PROKSIMA SUBJEKTO, AU SINGULARA AU PLURALA! TIU SUBJEKTO NE ĈIAM KOINCIDAS KUN LA GRAMATIKA SUBJEKTO DE LA TUTA FRAZO, ĈAR NOVAN SUBJEKTON POVAS ENKONDUKI (1) INFINITIVO, (2) A-FINAĴA PARTICIPO kaj (3) SUBSTANTIVO DE VERBA DEVENO, KIAM ĜI KLARE ESPRIMAS AGON.

II. FOJE LA VERA SUBJEKTO LASAS SIN VIDI PER ENMETO DE LA VORTOJ „KIO(J) EST--", ekz. APOZICIOJ ADJEKTIVAJ AU SUBSTANTIVAJ PROVIZITAJ PER KOMPLEMENTO (ekz. kastelo fama pro sia historio; SED li ekvidis sian fraton Benjamenon, la filon de lia patrino = B., kiu estis la filo de . . .).

III. EKZISTAS TRADICIE SANKCIITAJ VORTKUNMETOJ KAJ FRAZEROJ, EN KIUJ LA REFLEKSIVO FUNKCIAS ABSOLUTE, SEN RILATO AL LA AGSUBJEKTO: ekz. SIATEMPE kpt.

IV. NEKONFORMIĜO EN IAJ OKAZOJ, SE EL TIO REZULTAS PLI GRANDA KLARECO, ESTAS TOLERATA.

Tiun regulon valorigas jena ekzemplaro.

### GVIDAJ EKZEMPLOJ

*I.* *Vi lavas vin, kaj li lavas sin.*
*Ĉiuj homoj akiras por si.*
*Ŝi estas amata por si, ne por la doto.*
*Ŝia propra patrino forpelis ŝin de si.*
*Mia frato diris al Stefano, ke li amas lin pli, ol sin mem.*

*Mi lavis min en mia ĉambro, kaj ŝi lavis sin en sia ĉambro.*
*La infanoj serĉis sian patrinon.*
*Ŝi estas amata de siaj instruistinoj.*
*Li promenis kun sia edzino; li kaj lia edzino promenis.*
*Ili kondukis la kolegojn en sian loĝejon anstataŭ iri kun ili en ilian.*
*La patrino diras, ke ŝia filino venos kun sia infano.*

*(1)* *La sinjoro ordonis al la servisto vesti lin por la ceremonio.*
*La sinjoro ordonis al la servisto vesti sin pli dece.*
*La mizero kutimigis lin levi sin el la lito tre frue.*
*Jozefo ordonis al siaj servistoj balzami lian patron.*
*Li invitis la pentriston alporti unu el siaj pentraĵoj.*
*La reĝo, konsultinte kun la ĉefministro, sendis voki sian kuraciston.*

(2) *Ŝi ekvidis viron staranta antaŭ ŝi.*
*Ŝi ekvidis starantan viron antaŭ ŝi.*
*Li sidiĝis sur la seĝo prezentita al li.*
*Li portis seĝeton refalditan sur si mem.*

*Li estos kiel arbo donanta sian frukton en sia tempo.*
*Li rekompensis la soldatojn batalintajn por lia savo.*
*La pastro opiniis la atestanton influata de siaj antaŭjuĝoj.*
*Ŝi zorge observis la enportadon de siaj kofroj.*

(3) *Marta admiris lian fidon al ŝi (Marta).*
*Marta admiris lian fidon al si.*
*Ŝi kompleze aŭdis la flatadon de ŝiaj amindumantoj.*
*ŝi ribelis kontraŭ la interveno de edzo en ŝiajn aferojn.*

*II.* *Li evitu la trinkaĵojn por li tro acidajn.*
*Ĉiu konas homojn nur por si indulgajn.*

*Picasso vizitis muzeon, faman pro liaj pentraĵoj.*
*Ili vizitis muzeon faman pro siaj pentraĵoj.*

*III.* *Moki ies fidon al si mem.*
*Oni komprenis liajn gestojn per si mem.*
*Ni ne povas koni la realon en si mem.*

*Metu ĉion en sian lokon.*
*En ĉiu kranio estas sia opinio.*

---

**Efika materialo por montrokestoj**

| | | |
|---|---|---|
| Poŝtkartoj kun fotoj de ĉiuj E-pm | 33 pecoj | = 13,50 mk |
| en formato 13 × 18 | 1 foto | = 1,00 mk |
| en formato 18 × 24 | 1 foto | = 3,00 mk |
| Poŝtkartoj kun ĉiuj poŝtaj E-stampoj | | |
| Serio Germanio/GDR/GFR | 6 pk | = 2,40 mk |
| Serio Japanio | 3 pk | = 1,20 mk |
| Serio Aŭstrio | 3 pk | = 1,20 mk |
| Serio Italio | 3 pk | = 1,20 mk |
| Serio Bulgario | 1 pk | = 0,50 mk |
| Pluaj serioj en preparo! | | |
| Plena Ilustrita Poŝtstampa Katalogo kun 410 bildoj | | = 40,00 mk |
| Tekstparto por la stamp-katalogo: | | = 10,00 mk |

Kontaktu la komisiiton por filatelaj aferoj:
R. Burmeister, 9033 Karl-Marx-Stadt, W.-Wolff-Straße 1.

**TEJO-kongreso en Torun/Pollando.** La 28-a Tejo-Kongreso okazos de 16.—22. julio 1972 en la Torun, Pollando. Ĉiu junulo esperantista ne preterlasu la okazon partopreni. Aliĝi nur povas gejunuloj ĝis 30 jaroj. Motivitaj esceptoj okazos. La prezo por manĝo, loĝo kaj programo estas ĉ. 200 markoj. Aliĝoj nur pere de Centra Laborrondo, kiu ankaŭ informos pri oficialaj pageblecoj (en germanaj markoj). Aliĝontoj sen la subskribo de CLR ne estas akceptataj de la Kongresa Komitato en Torun. La kongresa programo estas tre varia, prelegoj kaj debatoj pri la kongrestemo (komp. „der esperantist" nr. 49), seminario kaj oratoraj konkursoj pri Kopernikus kaj Pollando, ekskursoj, junularaj baloj kaj multo alia.

## DISTRO

### Kia? Kio? Kiu? Kie?

*Lernantoj de Esperanto foje intermiksas la sencon de la kvar demandaj vortoj, kia, kio, kiu kaj kie.*

*Por eviti tion, sufiĉas memori pri la jenaj kvar demando-frazoj, kiujn edziniĝemaj fraŭlinoj diversaĝaj ofte faras pri edziĝ-kapablaj viroj:*

*1. Kiam fraŭlinoj estas 20-jaraj, ili faras la demandon: Kia li estas — Ĉu li estas bela? . . . granda? . . . forta? . . . riĉa? . . . eleganta? . . . kuraĝa? . . . inteligenta? . . . sprita? . . . afabla? . . . gaja? . . . ridema? . . . dancema? . . . sobra? . . . laborema? . . . bonkora? . . . donacema?*

*2. Kiam fraŭlinoj estas 30-jaraj, ili faras la demandon: Kio li estas? Ĉu li estas metiisto? . . . oficisto? . . . instruisto? . . . komercisto? . . . bredisto? . . . maristo? . . . fotografisto? . . . artisto? . . . sciencisto? . . . jurnalisto? . . . direktoro? . . . profesoro?*

*3. Kiam fraŭlinoj estas 40-jaroj, ili faras la demandon: Kiu li estas? Ĉu li estas elstara, konata persono? . . . urbestro? . . . deputito? . . . ambasadoro? . . . ministro? . . . generalo? . . . mondfama aŭtoro? . . . kinostelo? . . . sport-ĉampiono? . . . kosmonaŭto?*

*4. Kiam fraŭlino estas 50-jaroj kaj pli, ili demandas nur „Kie li estas"?*

*A. L. el Heroldo*

---

### Auflösung des Jubiläumrätsels aus Nr. 50

**Innerer Teil**

**Waagerecht:** 1. post, 4. MEM, 6. erco, 7. akno, 9. KKK, 11. trovo, 13. karoo, 15. aro, 16. mino, 19. kubo, 20. omo, 21. oero.

**Senkrecht:** 1. PEA, 2. sen, 3. troto, 4. moko, 5. muko, 8. kvar, 10. kvin, 13. kaĉo, 14. roko, 17. IOE, 18. ovo, 20. rombo.

**Äußerer Teil**

**Von links nach rechts:** 1. sel, 2. salut, 3. bokal, 4. manik, 5. Monat, 6. savan, 7. vila, 8. bul, 11. nul, 12. abat, 13. peron, 14. novel, 15. milic, 16. polic, 17. sufer, 18. lop, 21. por, 22. giraf, 24. rebus, 26. leter, 28. nugat, 30. river, 32. lili, 34. nep, 36. kap, 38. ebon, 39. ratif, 41. tavol, 43. serum, 45. lupol, 47. miraĝ, 49. nuk.

**Von rechts nach links:** 3. bas, 4. mole, 5. makul, 6. sonat, 7. vanil, 8. bivak, 9. mulat, 10. lan, 13. pan, 14. nebul, 15. moral, 16. pivot, 17. solen, 18. lulil, 19. ofic, 20. pec, 21. pir, 23. orel, 25. raben, 27. futur, 29. segil, 31. ravin, 33. teler, 35. rip, 36. ker, 37. sabat, 40. potas, 42. nivel, 44. forum, 46. lupin, 48. moru, 50. lak.

---

**Instruo**

*Ne donos al vi patro, ne donos patrino,*
*Kion povas doni ĉarma najbarino.*

*J. I. Sztaudynger*

# INFORMOJ

**Kluboj-ambasadoroj en Sovetunio**

Por efika internacia laboro SEJM (Soveta Esperanta Junulara Movado) decidis krei reton de 20 kluboj-ambasadoroj. Ĉiu okupiĝos ĉefe pri unu lando aŭ pri geografia regiono. La celoj de la kluboj estas i. a. starigi firmajn kontaktojn kun ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, gazetoj kaj unuopuloj en la mondo, interŝanĝi sciigojn, kantojn, organizi reciprokajn vojaĝojn ktp. Por informoj oni kontaktu Leo Kazancev, Do vostrebovanija, Staraja Russa, Novgorodskaja obl., Sovetunio.

**Pisek/ĈSSR:** En la Ŝumava Montaro (Bohemio) ĉe la monto Churanov en alteco de 1100 metroj kunvenis laŭ invito de la esperantorondo Pisek 16 esperantistoj el ĈSSR, Polio, Hungario, GDR kaj Anglio.

**Interesaĵoj el la Esperanto-gazetoj de niaj amikaj landoj:**

— *„Pola Esperantisto“* 4/71, la dua jarcentkvarono de Popola Pollando; Antoni Grabowski (1857—1921); 5/71 UK-raporto.

— *„Starto“* 6/1971, la organo de ĈEA. Citendas letero de vjetnamaj kamaradoj, raporto pri SET (komp. „de“ pĝ. 20 ĉe numero 50) Jen informo de la redaktoro:

*Seriozajn korespondanoncojn por senpaga aperigo akceptos*
*O. Knichal, red. de STARTO, organo de Ĉeĥa E-Asocio, Praha 2, p. k. 8, ĈSSR.*

— *„Hungara Esperantisto“* 8/81. Iom da babilado pri poemtradukado, (Kalocsay), pri geografiaj nomoj. 9/71 UK-raporto, somera-universitato en Gyula.

— *„Bulgara Esperantisto“* 6/71, la bulgara popolo havas novan konstitucion, intervjuo kun fama sciencisto prof. V. Giorgiev, rubriko „por la malgranda esperantisto“. 9/71 UK-raportoj.

— *„Hungara Fervojista Mondo“* 3/71, UK-raporto, tiu-ĉi gazeto ĉiam enhavas tre interesajn kaj valorajn fakajn artikolojn.

**Paŝoj al plena posedo**

Ĉeĥa Esperanto-Asocio petas ĉiujn posedantojn kaj akirontojn de la perfektiga lernolibro „Paŝoj al plena posedo“ de la konata verkisto kaj poeto William Auld sendi siajn rimarkojn pri la enhavo, uzebleco, preseraroj k. s. al
ĈEA, poŝtkesto 8, Praha 2.
Ni petas kopion de gravaj rimarkoj por CLR.

**Pola Vortaro**

Aperis Maly slownik esperanskopolski de Tadeusz Michalski kaj Maly slownik polsko-esperanski de Kazimierz Tyminski. Mendojn bv. fari al Polnisches Informations- und Kulturzentrum, Handelsabteilung „Buch“, 108 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 7.

**Berlin.** La prezidanto de DLR Berlin, s-ro *Ernst Schonert*, ricevis por la „bonega socia laboro peresperanta por la paco“ la honorpinglon de la Nacia Fronto de GDR en arĝento. Por tiu meritita distingo kaj aprezo ni tre kore gratulas al la senlace laboranta ligo-amiko.

**Adresoŝanĝo!** Jam antaŭ du jaroj la prezidanto de CLR ŝanĝis la loĝejon. Tamen multaj poŝtaĵoj ankoraŭ ĉiam estas adresataj tien, kio kaŭzas malfruiĝojn. Tial bonvolu noti la novan adreson:
Rudi Graetz, Karl-Marx-Allee 23, 102 Berlin, GDR.

## EL LA DISTRIKTOJ

**Gerda Lapoehn kantis en Esperanto**

Finfine ankaŭ en GDR ni havas nian kanzonistinon, kiu prezentas kanzonojn en la internacia lingvo: sinjorino *Gerda Lapoehn*, estrino de la folklora ensemblo *„popolamikeco"* ĉe la „domo de la germana-sovetia amikeco". Kion ŝi prezentis la 6-an de novembro 1971 en Berlin rajtigas al multaj esperoj. Kun tre varia, plena kaj agrable alda voĉo ŝi prezentis 15 kanzonojn el la plej diversaj landoj. La elekto estis tute trafa. Regis vera internaciismo. Ne mankis *„Katjuŝa"*, nek *„Glori, glori ..."* kun aldonita strofo pri *Angela Davis* (de Dieter Berndt). Oni povas tute prave diri, sinjorino Lapoehn, kiu kantas en pli ol dek lingvoj kaj nun partoprenas esperantokurson, certe ankaŭ trovos entuziasman internacian aŭskultantaron. *D. B.*

**Distrikta renkontiĝo**

Gera: La 13-an de novembro 1971 en Gera okazis la dua distrikta renkontiĝo esperantista, kiun partoprenis ĉ. 30 membroj. La enkondukaj vortoj de la prezidanto de DLR, Heinz Stengel, la diskutkontribuoj de multaj parolintoj substrekis la gravecon, plue altigi la atraktivecon de la grupa laboro. Interesan diskuton vekis la prelegeto de Karl Raabe el Jena pri „socisciencaj aspektoj de planlingvo", provo de marksisma analizo. La sekretario de CLR, Detlev Blanke, lumbildprelegis pri la UK en Londono. La bonega soveta filmo „La lando, kiun mi amas" finis la renkonton.

**Unuaj esperantokanzonoj**

Berlin: La trian distriktan renkontiĝon, okazinta la 6-an de novembro 1971, partoprenis pli ol 50 geesperantistoj. Malgraŭ kelkaj teknikaj malglataĵoj tiu-ĉi renkontiĝo estis treege sukcesa: Unuafoje estis prezentita 30 minuta plena programo de esperanto-kanzonoj, prezentita de **s-ino Gerda Lapoehn,** en akordiona akompano de Jürgen Ganzer kaj enkondukita de Almut Quoos.

La internaciisma kanzonelekto trovis ĉies aplaŭdon. Krome atenton meritis la opiniinterŝanĝo kun redakcianoj de nia revueto. Kiel ŝatata gasto prof. Simeon Hesapĉiev el Sofio montris lumbildojn pri Bulgario.

**Seminario kun prof. Hesapĉiev**

La 1-an ĝis 5-an de novembro 1971 okazis en prizorgo de DLR Dresden lingva seminario en la junulargastejo Hohenstein, kiun partoprenis 30 personoj. La metodikajn ekzercojn gvidis profesoro Simeon Hesapĉiev el Sofio, ĉiuj partoprenantoj sendube pliriĉigis sian konon, kion la sukcesa ekzameno de 10 partoprenintoj substrekas. Bonveteraj migradoj, prelegoj pri Mongolio de R. Graetz kaj pri Londono de D. Blanke same kiel la „kursfinbalo" zorgis por variaĵoj. La seminario estis laŭdinda iniciato de la Dresdenanoj. Oni ne nur lingve kaj metodike lernis sed ankaŭ pri tio, kiel estonte organizi similan seminarion eĉ pli efike.

Lige kun sia restado kiel seminariestro en Hohenstein profesoro Hesapĉiev, kunaŭtoro de bulgaraj lernolibroj kaj vortaroj, prezentis prelegetojn pri Bulgario en la grupoj Dresden, Pirna, Meißen, Riesa, Bautzen, Zittau, Berlin kaj Leipzig.

**Savu trezorojn!** CLR akceptas por sia arkivo ĉiu ajn esperantaĵojn.

# EL LA DISTRIKTOJ

**Entuziasmaj gekursanoj**

Schwerin: Ĉi-jare ni unuafoje komencis Esperanto-kurson en aprilo, kiun ni plugvidis ek de septembro.

Kio estas nova ĉe tiu kurso? La gepartoprenantoj apartenas al la junularo!

En la pasintaj jaroj estis 20 % de la partoprenintoj ĝis 50 jaraj, 20 % estis pli ol 50 jaraj. Sed en tiu ĉi kurso la plej maljuna estas 20 jara. Estas admirinde, ke niaj junuloj ankaŭ estas entuziasmaj gekursanoj. Kelkaj ekzemploj tion ilustru:

Ŝverina kursanino studadas en Güstrow. Vojaĝante hejmen al Ŝverin, ŝi venas rekte de la stacidomo al Esperanto-instruado kaj poste nur ŝi iras al la gepatra domo.

Antaŭ ol kursano iras al sia nokta laboro, li unue venas al Esperanto-instruado kaj nur poste al la laborejo, ankaŭ kunprenante kun si la Esperanto-lernlibron.

Junaj gekursanoj, kiuj kelkajn monatojn post la kursa komenco estas venintaj al ni, rapide lernis 5 lecionojn, por ankoraŭ partopreni al la nuna kurso.

Aliaj gekursanoj, laborantaj en universala magazeno, atendas pacience 1½ horojn je la vespera Esperanto-instruado, ĉar la hejmvojo post la laboro estas tro malproksima. *Arno Stechert*

**Frankfurt/Oder:** Mit einem Vortrag von Bundesfreund Helmut Lehmann über Wesen und Sinn der internationalen Sprache begannen Anfang des vergangenen Jahres die Freunde des Esperanto in Frankfurt/Oder ihre organisierte Tätigkeit. Zur Zeit laufen Anfängerkurse in der Bezirkshauptstadt und Angermünde. Die örtliche Presse berichtete wiederholt. In drei Schaukästen machen die Esperantofreunde auf ihre Tätigkeit aufmerksam.

Am Kursus, der mit Schallplatten, Dias und Tonbändern methodisch vielseitig von H. Lehmann gestaltet wird, nehmen erfreulicherweise viele Jugendliche und einige Lehrer teil.

Die Tätigkeit der Gruppe in Frankfurt/Oder hat nicht zuletzt wegen des erleichterten Grenzverkehrs zwischen der VR Polen und der DDR große Bedeutung.

**Ni funebras:**

La 24-an decembron 1971 forpasis la senlaca laborista Esperantisto

**K-do Johannes Kaschinski**

en Rostock. Li rekunkonstruis la esperanto-laboron en Rostock.

La 6-an de decembro 1971 mortis

**Erich Löwe**

Ekde 1923 li estis aktiva laborista esperantisto, gvidis multajn kursojn kaj sindone laboris por niaj taskoj, estante ĝis la morto estro de la grupo en Leipzig.

La 27. 12. 1971 mortis post grava malsano **Otto Heinrich**

en sia 70-a vivjaro. Li estis aktiva esperantisto kaj gvidanto de la grupo en Borna.

La subdistriktaj, distriktaj kaj Centra Laborrondo honormemoros la forpasintojn.

**Fakvortaroj en Esperanto?**

S-ro J. Thormann el Schwerin atentigis nin tute prave, ke mankas la scio pri fakvortoj de la plej diversaj branĉoj. Kiu estas specialisto por kio? Kiu havas intereson pri fakesprimoj? Skribu al **CLR**!

# KORESPONDDEZIROJ

## GDR

Rondeto por komencantoj, 4 fervojistoj inter 24—33 jaroj: vendistino 26 jara, poŝtisto 35 jara, fervojistino 54 jara, serĉas korespondamikojn el ĉiuj landoj. Ili interesiĝas pri profesio, vivmaniero, turismo kaj junularaj problemoj. Skribu al Germana Kulturligo, **DDR-27 Schwerin,** Wilhelm-Pieck-Straße 8

Bv. oferti Universalan Vortaron al Oskar Stolberg, 705 **Leipzig,** Erich-Ferl-Straße 78

## Hungario

27-jara instruistino, laboranta en konstruteknika entrepreno, eksedzino kun 7 jara filo, ŝatanta la naturon, arton, literaturon, dez. koresp. kun juna vir(in)o. S-ino Suzanna Geza Gadoros, **Budapest VIII,** Nap-strato No. 28, II/10

En februaro okaze de letervespero estas volonte ekspoziciataj esperantaĵoj, ĉiuj kontribuaĵoj, korespondpetoj, ktp. bonvenas. Ĉiu kontribuinto ric. bel. bk pri 700 jara urbo Györ.

Skribu al Esperanto-Grupo „Verda Stelo“ **Györ 2,** poŝtkesto 228

Junulo, 24 jara, dez. korespondi kun 18—24 jaraj fraŭlinoj. Stefano Gelencser, **Kaposvar,** Kertesz u. 11

## Pollando

Gekomencantoj dez. korespondi: Esperanto-Rondo, **Skierniewice,** str. Sienkiewicza 1, Kulturdomo de fervojistoj

## Rumanio

Instruistino de gimnastiko, 38 jara, dez. koresp. tutmonde pri pedagogiaj temoj, novaj metodoj ktp., speciale interesiĝas por tabla teniso. Bilous Nagy Kornelia. **Odoreiu Secuiesc**

## Soveta Unio

Grupo kun 8 esperantistoj de urbo Ĥarkov dez. koresp. kun grupoj el div. landoj pri ĉiuj temoj. Skribu al „Lernejo 106“ (Ŝkola 106), **Ĥarkov 310022,** str. Kloĉkovskaja 99, 9-a klaso

Instruisto, gvidanto de esperanto rondo lerneja, dez. koresp. tutmonde pri ĉiu temo. Aleksandr. Lukin, 310022 **Ĥarkov,** per. Turgenevskij 5/7

Helpu prepari prelegon „Nuntempaj problemoj de popola klerigo en la socialismaj landoj“. Kontaktiĝu kun Alik Melnikov, **Rostov-Don-7,** ab. jaŝ. 233. Materialo en E-o, ruslingva, angla k. s. estas petata

19 jara studentino dez. koresp. kun germanaj gejunuloj, eble kun poligrafiisto, intersiĝ. pri artoj, lingvoj, popolkutimoj, junulara vivo, kol. insignojn, p. m., b. k. Nina Fedorova, **Klin** (Moskovskaja obl.), Borodinskij projezd, d. 5, kv. 37

Sigitas Baranaukskas, M. Gorkio 23-3 **Klaipeda,** dez. koresp. kaj interŝ. p. m., b. k. kun lernantoj el Karl-Marx-Stadt kaj Dresden en Esperanto kaj rusa lingvo

Kairis Bronius, **Palanga,** p/d 37 dez. koresp. kaj interŝ. p. m. bildkartojn kun esp. el eksterlando

Klubo de internacia amikeco serĉ. kontakton kun diverslandaj junularaj kaj studentaj organizoj, dez. kunlabori, i. a. reciprokan turistinterŝanĝon. P. K. 65. **Barnaul-99**

Grupo, 14—16-aĝuloj dez. koresp. tutmonde pri diversaj temoj. Skribu al Esperanto-klubo, 99-**Omsk,** abonkesto 155

Dez. interŝanĝi poŝtkartojn, alumetetikedojn gramofondiskojn. Respondo certa. Kostja J. Aristarhov, **Leningrad-191040**

Projektisto, 24-jara, dez. koresp. tutmonde, interesiĝas pri estrada muziko, turismo, filatelo, interŝ. esperantajn kaj aliajn insignojn, bk, sondiskojn, kol. esp. literaturon. Korespondas esperante, germane, ruse, litove, pole. Gaidamaviĉius Stasys, **Zirmunu-112-18,** Vilius-12

## Svedio

Svedino, 30 jara, dez. korespondi kun germano en esperanto. k-ino S. Lingman, Poste Restante, Nytorget 4, **Stockholm 11**

## Usono

Dez. korespondi kun GDR-ano, junulo, Ronald L. Burris, 2565 Westwood Nortern, **Cincinnati, Ohio** 45211


Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 130